Jaro 16 Majo - Junio-julio 1964 N-ro 3



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I.F.E.F.**

LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO

Sekretario: J. Poptie, Willem Barentzstraat 66, Utrecht, Nederlando
Redaktoro: D. Burgler, Sportstraat 62, Amsterdam-Z., Nederlando
Konto: Ned. Handelmij, Amsterdam, No 30.36281

---

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*



*Parto de la kongresanoj en Bruselo.*

# Nia 16-a en Bruselo estis sukcesplena

**KONCIZA RAPORTO**

La belga ĉefurbo Bruselo jam de longe havas faman nomon, do ni povis ĝoji kongresi tie.

Sabaton, la 9-an de majo komenciĝis la kongreso per diversaj kunsidoj, nome de:

la fakprelega komitato,
la junularestrara komitato,
la terminara komitato,
la redaktora komitato.

Ĉiuj estis bone vizitataj, kaj oni funde priparolis la progreson sekvantan post nia kongreso en Stoke on Trent.

La saman tagon okazis la interfratiĝa vespero. Salutvortoj de malnovaj geamikoj sonis tra la salonoj de la Centra Stacidomo. Oni rakontis unu al alia la eventualajn travivaĵojn spertitajn post la lasta kunesto.

L.K.K. kontribuis al la distro montrante du belajn filmojn pri la fervojoj kaj la pejzaĝoj de Belgujo.

Poste kelkaj eniris Bruselon, sed la plej multaj kongresanoj iris al siaj hoteloj por dormi, ĉar:

dimanĉe je la 10-a jam komenciĝis la Solena Malfermo.

La salonego de Patria estis plenplena, kiam la prezidanto de L.K.K. amiko Deduytsche malfermis la kunvenon. Kiel honoraj gasto jestis: S-roj Vannitsen (por la Belgaj Fervojoj), Jooris (por Fisaic), Joyeux (por la Sindikatoj), Watterlot (por la Fervojaj Vojaĝagentejoj), Schellekens (por U.E.A.), Pastro Beckers (por I.K.U.E.), Jaumotte (por la Belga Esp. Federacio). S-ro Jaumotte faris elokvente la festparoladon, la kongresantoj atente lin aŭskultis kaj varme aplaŭdis. S-ro Mollion el Francujo pro malsano ne povis veni.

Same estis kun la skabenino S-ino Van Leynseele de la Urba Konsilantaro, ankaŭ ŝi ne povis veni pro malsano.

Nia Prezidanto S-ro de Jong malfermis la kongreson per instigaj vortoj, esprimis sian dankon al L.K.K. pro la multega laboro farita, kaj li esperis, ke la kongreso estos sukcesplena kaj ke ĉiuj kongresanoj travivos belegajn tagojn en Bruselo.

Poste salutis la landaj delegitoj la kongreson.



*S-ro de Jong malfermas la kongreson.*

Mankis la delegitoj de Finnlando kaj Polujo, ankaŭ la anoncita amiko el Ĉeĥoslovakujo ne ĉeestis.

La solenan etoson agrabligis la harpa ludo de f-ino Collignon. La inaŭguro de la kongreso finiĝis per la promeso posttagmeze reveni al la koncerto. Neniu bedaŭris sian ĉeeston, ĉar la orkestro ludis bonege kaj la ĥoro agrable kantis.

Je la 20-a horo la Internacia Balo okazis, bedaŭrinde ĝi finiĝis tro frue.

La aliajn kongrestagojn mi ne detale priskribos, ĉar jam aperis raportoj en diversaj landaj kaj internaciaj revuoj.

Mi montras je la fakto, ke la diversaj laborkunsidoj estis bone vizitataj kaj la diversajn kongresproponojn oni serioze pritraktis.

La vojaĝo al Dinant okazis sub bluega ĉielo kaj la tero estis superverŝita per ora sunbrilo.

La lastan tagon de la kongreso ni vizitis parte trajne parte aŭtobuse Bokrijk kaj Bobbejaan-landon. En la lasta loko nia prezidanto S-ro de Jong fermis la kongreson. Li denove dankis L.K.K. kaj la ceterajn personojn, kiuj helpis, ke la kongreso bone sukcesu.

420 personoj el 14 eŭropaj landoj vizitis la kongreson.

Ĝis revido en Hamar, kie okazos nia 17a.

D. Burgler.

**TRANSLOĜADO**

Je la 27a de aprilo 1964 ni transloĝos. Nia nova adreso estos: Visseringstraat 11, Kampen, Nederlando. Geedz. A. C. Boelmans.

# Raporto pri la laborkunsidoj

Jam ĉe la komenciĝo de la kunveno la salono estis plenplena, tio do signifas, ke la kongresanoj montras multe da interesiĝo pri la problemoj pritraktotaj en ĉi tiu kunsido. Atentege ili aŭskultis kiam S-ro De Jong, la prezidanto, en bonveniga parolado memorigis kelkajn ĵus okazintajn aranĝojn de la kongreso kaj skizis la gravan taskon de la junularo en nia Federacio.
La kunveno de la Komitato kun la Estraro estas tre grava por la pluekzistado de nia movado, precipe ankaŭ en okazo de estrara krizo.
En la Eŭropa Fervoja Konferenco en Sofio gravaj fervojaj instancoj diskutis la eblecon presigi esperantan tekston en ĉiuj horaroj; la decido estis, ke ĉiu fervoja direkcio povos fari tion laŭ sia propra volo.
La prezidanto instigis la aŭskultantojn, ke ili daŭrigu siajn klopodojn en tiu direkto.
Menciinde estas, ke la hungara sekcio liveris 50 novajn anojn al IFEF, kies membronombro estas nun pli ol 2500!
En Ĉeĥoslovakio niaj izolaj membroj kontaktas kun 32 fervojistaj esperantistoj. IFEF stimulos ankaŭ ĉi tie la fondon de la landa movado.
Laŭdon meritas la landaj organoj, kiuj ĝenerale estas bonaj laŭ enhavo kaj aspekto.
En multaj gazetoj, ankaŭ ekster la fervojista rondo, ni trovis bonegajn raportojn pri nia antaŭa kongreso.
La IFEF-Estraro kunvenas ĉiumonate kaj havas bonajn kontaktojn kun la landaj estraroj. Tiuj kontaktoj estas gravaj por la bona harmonio en nia movado.
Starante la kunveno memorigas la amikojn, mortintajn en la pasinta jaro.
Poste ni pritraktis la envenintaĵojn. Inter tiuj estas salutletero de Kolego Narvalla, kiu pro gravaj cirkonstancoj ne povis veni. Salutleteroj de du samideanoj el Ĉeĥoslovakio kaj de membro el Argentino trovis bonan akcepton.
La kongresraporto de la antaŭa jaro renkontis sufiĉe akran kritikon. Kol. Walder rekomendas uzi sonbendaparaton dum la kunsidoj, por ke ni poste pli bone povu kontroli la tekston. Kol. Ritterspach rimarkigis, ke ankaŭ en la pasinta kongreso mankis tia aparato. Li rekomendas surbendigon al la norvega L.K.K.
Kol. Greutert diras, ke pri la plej grava decido en Stoke on Trent mankas en la raporto la nomoj de la tie starigita komisiono, kies tasko estas projekti novajn statutojn. Koncerne la surbendigon Kol. Giessner subtenas la ideon de la svisa komitatano, kol. Walder. Li riproĉas, ke en la raporto mankas la nombroj de la voĉoj post la voĉdonado. La prezidanto respondis, ke pro miskompreno la kopio de la raporto estis sendata al la presisto sen antaŭa kontrolo. Ni trovis rimedon por eviti tion en la estonteco. En nia sekvonta organo ni publikigos kelkajn plibonigojn. F-ino Lemonnier substrekas la vortojn de la antaŭaj parolintoj; ŝi proponas akcepti la kongresraporton, kondiĉe, ke en la sekvonta numero oni aldonu la korektojn. Rekomendinde estas laŭ Kol. Giessner, ke tuj post la kongreso la estraro kontrolu la raporton, por eviti erararojn. La prezidanto promesas tion.



*Ekskurso tra Bruselo kaj ĉirkaŭaĵo. Sur la foto estas i.a. videbla nia megafonisto, k-go Csóra el Hungario.*

**Jarraporto de la sekretario.**

Kol. Walder konstatas, ke en la U.E.A.-jarlibro mankas la raporto pri nia movado. La prezidanto respondas, ke kutime ni sendas nian jarraporton el L.I.F. al U.E.A. Pro la ŝanĝoj en la estraro tio ne okazis pasintjare. Estontece ni koncize raportos ankaŭ al U.E.A. Oni tamen pripensu, ke ni ne havas oficejon kun salajritaj oficistoj, kiel en aliaj grandaj organizoj. Kol. Greutert riproĉas, ke en la Sofia-kongreso dum la fakkunveno mankis oficiala delegito de I.F.E.F., kvankam la sekretario ĉeestis en Sofio. La prezidanto klarigas, ke la estraro ne povas partopreni ĉiujn U.E.A. fakkunvenojn. Nia sekretario intencis ĉeesti la fervojistan tagon kaj konsentis reprezenti la I.F.E.F. estraron. Cetere la Fervojista Kunveno en la kadro de la U.E.A. kongreso okazas laŭ iniciato kaj sub respondeco de la koncerna landa movado. La rolo de la I.F.E.F. estraro povas esti nur konsila. Kol. Ritterspach proponas, ke ni finu la diskutadon pri U.E.A. La prezidanto invitas la ĉefkomitatanon sondi la opiniojn de la komitatanoj pri nia rilato al U.E.A.
Kol. Giessner atentigas pri la bela parolado de Ivo Lapenna en Stoke-on-Trent. Li deziras havi bonajn rilatojn kun tiu granda organizo.
La prezidanto respondas, ke ni volonte volas kunlabori kun U.E.A. oni tamen ne estu tro postulema. Ĝuste nun, kiam ordiĝas gravaj ŝanĝoj en la regularo, ni bezonas multan tempon por atente sekvi tiun procedon.
Fine la raporto estis aprobita, kondiĉe, ke en L.I.F. aperu la necesaj korektoj.

**Jarraporto de la kasisto.**

Kol. Barnickel laŭdas la raporton. Malaltaj estis la elspezoj, speciale la vojagkostoj de la estraranoj, kiuj partoprenis landajn jarkunvenojn. La prezidanto dankas pro la laŭdaj vortoj, kiujn vere meritas la kasisto. La financa raporto estas unuanime akceptita.

Pri la **redaktora jarraporto** aŭdiĝas neniu rimarko.

Pri la **Junulara Kunveno** raportas D-ro Imre Ferenczy, nia junulara gvidanto. El tri landoj ĉeestis reprezentantoj. El aliaj kvar landoj observantoj. La raporto diras, ke mankas la bonaj gvidantoj en kelkaj landoj, escepte en Francio kaj Aŭstrio. La komisiono priparolis la eblecon fondi junularajn sekciojn en Germanio kaj Italio. Oni konsilas, ke la loko de la junularo en la Federacio restu la sama. Fine la gvidanto dankas L.K.K. pro la bonaj programeroj por la junularo dum tiu ĉi kongreso. La prezidanto dankas la junulargvidanton pro la bonega agado de la grupo. Ni rekomendas al la jugoslava movado starigi junulargrupon, ĉar Jugoslavio havas en nia rondo jam sufiĉe da gejunuloj. Li detale akcentas la gravecon de la junularaj rondoj. La jugoslava komitatano, Kol. Sredič Gvozden, respondas, ke la sekcioj jam sendis al li raporton pri la multaj aktivecoj de la gejunuloj. Rakontas ion pri tiuj aktivecoj. D-ro Imre Ferenczy akceptas daŭrigi la gvidan taskon en la junulara movado.

Pri la **Fakprelega komitato** raportas Kol. Giessner. Li diras, ke la komitato dum ĉi tiu kongreso prezentos prelegon pri la elektronado ĉe la Belgaj Fervojoj. Kun la norvega estraro jam estas kontakto pri la aranĝota prelego dum la 17a kongreso en Hamar. Ĝi verŝajne temos pri la kultura evoluo ĉe la norvegaj fervojoj.

Pri la **Terminara Kunveno** koncize raportas Kol. Ritterspach. La frua dato de la kunveno (ĝi okazis jam sabaton) malhelpis al kelkaj delegitoj ĉeesti. La komisiono kunvenis kun naŭ samideanoj el kvar landoj. Li informas, ke oni decidis eldoni bildvortaron laŭ la sistemo, kiu jam ekzistas en la angla, franca, germana kaj hispana lingvoj. Kvar personoj akceptis la taskon traduki la tekston en nian lingvon. Li plue sciigas, ke post mallonga tempo la germana fervojistaro aperigos poŝformatan Esperantan fervojan vortareton, anstataŭ, sed surbaze de la granda U.I.C. vortaro, kies kompleta traduko postulas ankoraŭ multajn jarojn da laboro, kvankam ĝi havas nian atenton.
La prezidanto dankas ĉiujn raportintojn. Sekvas la instalo de la **Internacia Komitato.** En sia parolado la prezidanto esperas, ke la komitato funkcios en bona kunlaboro kun la estraro. La Komitato konsistas el 21 personoj, reprezentantaj 16 landojn. La nomojn oni povas trovi en la listo eldonita kune kun numero **du** de nia organo de tiu ĉi jaro. La Komitato funkcias dum la tuta jaro. Ĝi havas ĉefkomitatanon, kolegon J. J. Labordus, Kenaustraat 26, Utrecht, Nederlando.

**La Estrarelekto.**

La prezidanto anoncas, ke la sekvontaj personoj estas rekomendataj: De Jong, prezidanto, Poptie, sekretario, Ooster-

wijk, kasisto, Burgler, redaktoro. Krom tio ni havas la kandidatojn Walder por la funkcio de vicprezidanto kaj Lok por la funkcio de sekretario. Kol. Greutert forte subtenas la elekton de Lok. Li pledas pro tio, ke la plej taŭga sekretario estu en la estraro de nia federacio kaj la svisa movado opinias, ke nia ŝatata kolego Lok, kiu havas pli ol 16 jaran sperton en la sekretaria laboro por nia movado estas la plej taŭga. Plie la svisa kolego rakontas, ke li en Stoke on Trent rimarkis, ke I.F.E.F. ŝatas havi ankaŭ vicprezidanton. La svisa sekcio post longa diskutado kandidatigis kolegon Walder. Ni atentigas pri la bonaj kvalitoj de tiu aktiva samideano. Finfine kol. Greutert diris, ke la svisa sekcio proponis Lok kiel sekretarion. La prezidanto demandas kolegon Lok, ĉu li pretas akcepti tiun taskon. Kol. Lok respondas ke li jam en Barcelona petis, ke juna persono transprenu lian taskon, tamen kol. Lok akceptis la kandidatecon kaj lasas la decidon al la kunveno. La prezidanto resumis, ke kvin personoj estas elekteblaj skribe.
La rezultato de la voĉdonado estas la jena:
15 komitatanoj voĉdonis.
Por la funkcio de prezidanto: 15 voĉoj por De Jong.
Por la funkcio de vicprezidanto: 13 voĉoj por Walder, 1 voĉo por Lok.
Por la funkcio de sekretario: 8 voĉoj por Poptie, 7 voĉoj por Lok.
Por la funkcio de kasisto: 15 voĉoj por Oosterwijk.
Por la funkcio de redaktoro: 15 voĉoj por Burgler.
Sekve la estraro konsistas el:
De Jong, prezidanto, Walder, vicprezidanto, Poptie, sekretario, Oosterwijk, kasisto kaj Burgler, redaktoro.
La prezidanto dankas la anaron pro la fido en la estraro.

**La kongresproponoj.**

La prezidanto klarigas la bezonatan plialtigon de la kotizo. Ni ne povos „vivi" en la estonteco de kotizo de unu kaj duona guldenoj. Pri tio atestas ankaŭ la financa raporto, kiu montras deficiton. La prezoj tiagrade plialtiĝis dum la lastaj jaroj, ke ni certe bezonos du kaj duonan guldenojn. Ni havos verŝajne ankaŭ pli da kostoj, kiam la komisiono plene funkcias. F-ino Lemonnier diras, ke en Francio la kotizo devos esti pli altigata 40%-ojn kaj ŝi timas, ke kelkaj membroj pro tio forkuros. La franca sekcio proponas, ke sufiĉu kotizo de du guldenoj. Kolego Bácskai havas la saman konsilon pro la malfacilaj devizaj cirkonstancoj. Ankaŭ kolego Barks subtenas la ideon de du guldenoj. Li timas perdon de anoj.

Kolego Giessner diras, ke la nova amendo ŝajnas al li bona, kvankam li ne estas kontraŭ la propono. Li petas la kasiston kalkuli, ĉu li havus malprofiton se la ideo de du guldenoj estus akceptita. La prezidanto konsilas al la kongreso simple akcepti la proponon aŭ ne. Ke ni nun decidu. Kolego Gimelli diras, ke lia sekcio proponas ne plialtigi la kotizon; li timas la foriron de membroj. Kol. Labordus klarigas, ke la prezoj en Nederlando en la lastaj jaroj plialtiĝis kun 30%. Li rekomendas akcepti la proponon. Kolego Greutert atentigas la ĉeestantojn, ĉu ili eble volos plialtigi la kotizon per malgranda sumo ĉiujn du jarojn aŭ en unu fojo la bezonatan grandan sumon. Li deklaras sin por la propono. La rezultato estas: 9 voĉoj por kaj 7 kontraŭ. Do akceptite.

La dua propono: **La lokaj reprezentantoj en diversaj urboj.** La prezidanto rimarkigas, ke ni en la pasinteco jam akceptis samspecan proponon. Pro manko de kunlaboro la adresaro de la lokaj reprezentantoj ne povis esti efektivigata. Li petas la danan komitatanon komenti la proponon. Kolego Kensing klarigas, ke la kompilado de adresaro povus esti jena: Oni kolektu unu aŭ pliajn adresojn en ĉiu sekcio; poste unu persono internacie kolektu ĉiujn adresojn kaj sendu ilin al la redaktoro por presigi ilin en nia organo. Rekomendinde estas, ke oni serĉu adresojn en kiel eble plej multaj urboj. Kolego Barnickel komparas la sistemon kun la jam ekzistanta sistemo de granda organizaĵo, kiu sistemo laŭ li ne tiel bone funkcias. La jugoslava komitatano, kolego Sredič Gvozden opinias, ke la ideo de la propono ne bone estas realigebla, ĉar en la praktiko oni ofte estas en dejoraj lokoj. Li estas kontraŭ. Ankaŭ f-ino Lemonnier diras, ke la ideo estas malfacile realigebla. Oni povus sin turni al la ekzistanta UEA-delegito. Ŝi malkonsilas la proponon. Kolego Labordus diras, ke unu persono en la nederlanda sekcio okupas sin kiel vojaĝoficejo. Tio sufiĉas por ni; li estas kontraŭ la propono. Kolego Barks konsilas ne eluzi por niaj aferoj la delegitojn de aliaj organizaĵoj. Li antaŭvidas kelkajn malfacilaĵojn se akceptiĝos la dana propono. Kaj li estas kontraŭ. La rezultato de la voĉdonado: 2 por kaj 12 kontraŭ. Malakceptite.

La tria propono **pri la korespondgvidanto** estas ankaŭ de Danio. Kolego Kensing, komentas ke ĝi estas speciala deziro de la lernantoj kaj anoj de lia sekcio. Pro manko de korespondgvidanto perdiĝis anoj. F-ino Lemonnier: „Ni forte rekomendas la proponon, ĉar ankaŭ niaj junaj anoj ŝatas korespondi kaj trovi la adresojn por la korespondado. Ni mem proponis same antaŭ ses jaroj". Kolego Giessner rakontas pri iama korespondgvidanto; oni ne havis bonajn spertojn kun li. Kolego Giessner rekomendas rigardi la anoncojn en la revuoj kaj gazetoj. La korespondservo ne estas necesa por ni fervojistoj. Kolego Labordus aplikas simplan solvon: „Kiam ni ne trovas korespondanton, ni presigas la peton en nia landa organo". Kolego Greutert rimarkigas, ke la svisa sekcio ne bezonas korespondservon; jam ekzistas kelkaj de aliaj asocioj. La propono estas malakceptita, ĉar preskaŭ ĉiu estas kontraŭ.

La kvara propono temas **pri la ekspedo de nia organo.** La prezidanto anoncas, ke la kostoj kiujn postulas rekta alsendo de nia organo estos sufiĉe altaj; krome la presisto havos laboron kaj elspezojn pro la oftaj ŝanĝoj de la adresoj. La redaktoro komentas la informojn de la presisto, el kiu montriĝas, ke la forsendado de nia organo rekte al la anoj kostas dek cendojn po peco laŭ la nunaj tarifoj kaj en julio la tarifo plialtiĝos. Oni rezignas pri la propono. La redaktoro garantias, ke niaj organoj estos forsenditaj antaŭ la 15a de la monato.

Pri la kvina propono — **publikigi la novan regularon en formo de „statuto"** — diras kol. Barnickel, ke estas verŝajne pli bone, transdoni tiun problemon al la komisiono. Oni decidis fari tion ankaŭ koncerne la problemojn ses (mencii limdaton de ensendo de la kongresproponoj) kaj sep (honora membro en la statuto).

**Elekto de kaskontrola komitato** estas la naŭa punkto de la tagordo. Elektiĝas la kolegoj Van Leeuwen, Vermaak kaj Becker.

**Konflikta komitato:** ĉar ĝis nun ne estis konfliktoj en nia Federacio, la kongreso konsilas ordigi la aferon, kiam konflikto estiĝos. La estraro ankaŭ opinias ne restarigi la jam mortintan „konfliktan komitaton". Ĉiuj konsentas.

**Elekto de la kongresloko por 1965.** La norvega komitatano invitas nome de sia sekcio la kongreson al Hamar, Norvegio. La urbo Hamar situas 126 km norde de Oslo, apud lago kaj havas taŭgan kongreshalon kaj sufiĉajn hotelojn por maksimume 500 kongresanoj. Oni anoncu sin sufiĉe frue, ĉar L.K.K. nepre ne povos akcepti pli da partoprenontoj.

**La provizora invito de la kongreso por 1966.** Kolego Labordus invitas la kongreson al Utrecht, Nederlando, en majo 1966-a. Ankaŭ kolego Bácskai havas inviton por 1966, se la kongreso en Utrecht ne povus okazi. En tiu kazo la hungara grupo volonte aranĝos IFEF-kongreson en Budapeŝto, aŭ en alia urbo en Hungario, en la monato aŭgusto.
La kongreso elektas kiel provizoran kongresurbon Utrecht.

La prezidanto **resumas la decidojn.** Li montras je tio, ke el la sep proponoj unu akceptiĝis, du estis malakceptitaj, unu nere komendita kaj tri transdonitaj al la komisiono.

En la **libera diskutado** kolego Barnickel petas esplori la eblecon kongresi en orientaj landoj en la estonto. Se tio estus ebla, ni devus fari tion, ankaŭ pro la gesamideanoj en tiuj landoj, kiuj pro la devizaj cirkonstancoj ofte mankas en niaj kongresoj. Li rekomendas al la estraro kontakti kun orienta lando. Li malrekomendas aranĝi kongreson en aŭgusto. Kol. Eikenaar el Zwolle instigas peti la esperantlingvan faldfolion pri tiu urbo (havebla ĉe la oficejo de „Vereniging voor Vreemdelingenverkeer, Zwolle, Nederlando). Plue li rekomendas al ĉiuj partopreni la feriosemajnon en „De Leemkule" (La argilfosejo) apud Zwolle. Ĝi okazos en septembro, en la sama monato kiam la 125-jara jubilea festo de la nederlandaj fervojoj estos aranĝata. Kol. Greutert petas eviti la aranĝon de kunvenoj sabate antaŭ la solena malfermo. Li volonte vidus, ke ĉiuj kunvenoj okazu post la malfermo de la kongreso, ĉar multaj kolegoj bezonas longan tempon por atingi la kongresurbon. Li anoncas, ke la svisa sekcio donacis 50 guldenojn al IFEF, kiel financan helpon por la fondo de fervojista rondo en Ĉeĥoslovakio. La prezidanto respondis, ke ni urĝe bezonas la kongrestagojn ankaŭ sabaton. por kunveni. Kolego Krogstie diris, ke la distribuita programo por Hamar estas provizora. La unua kunsido dependos de la alveno de la trajno el Oslo. S-ro Demesmaker rakontas, ke parto de la loĝantoj de la junulargastejo en Bruselo ne komprenas nian lingvon; pro tio estiĝis kelkaj malfacilaĵoj tie. Li konsilas, ke la landaj sekcioj antaŭ la kon-

greso esploru ĉu la aliĝontoj estas esperantistoj aŭ ne. La prezidanto respondas, ke tio ne ĉiam estas ebla, ĉar oni povas sendi la aliĝilon ankaŭ rekte al la L.K.K. kaj en tiu kazo mankas la kontrolo. Kol. Giessner direktas niajn pensojn al la regularo, laŭ kiu „limigo de neesperantistoj dum la kongreso estas rekomendinda". Li ricevis leteron de ĉeĥa kolego Rebiĉek, kiu proponas, ke okcidentaj kolegoj interŝanĝu vizitojn kun ĉeĥaj kolegoj, por ke la ĉeĥaj fervojaj esperantistoj povu partopreni niajn kongresojn. IFEF-estraro transdonos la proponon al la ĉefkomitatano.

La prezidanto dankas la kunvenon pro la atento, dankas al ĉiuj, kiuj en bona harmonio kunlaboris kaj li speciale dankas L.K.K. pro la aranĝo kaj akcepto de la kongreso.

Al kolego Lok li dediĉas sincerajn vortojn de estimo kaj danko pro la akurata plenumado de la grava tasko dum multaj jaroj. Lia neimagebla fervoro kaj obstino postulas nian admiron. Ne estus ĝuste misuzi lian grandan entuziasmon por nia afero per la daŭra altrudo de tro abunda laboro en vivoperiodo, kiu estas destinata por iom pli trankvila vivo kaj ripozo. Lok estu nun iom pli libera, por ke li povu — en okazo de bezono, doni konsilojn al la estraro, kiu volonte apelacias al liaj granda sperto kaj kapablo. Lok estas tre valora por la estraro kiel konsilanto.

Kun instigo al aktiveco kaj deziresprimo al fruktodona kunlaboro, la prezidanto fermas la laborkunsidon: **„ĝis revido en Hamar!"**

Protokolis
Johano Poptie.

## Aldono al la raporto pri la laborkunsidoj en Stoke-on-Trent

La **dua propono** temis pri la ŝanĝo de la artikoloj 8, 9 kaj 10 de la IFEF-regularo sub la nova titolo „Komitato kaj estraro" (anstataŭ: „La estraro").

La kongreso akceptis formi komisonon kiu ellaboru novajn statutojn. Al tiu komitato aliĝis 6 personoj:

O. Walder, Waldmannstrasse 10, Romanshorn, Svislando,

D-ro S. Bácskai, Árpád Fejedelem u. 28/a, Budapest-Rákoshegy, Hungario,

W. Barnickel, Tirolerstrasse 2, Frankfurt a.M., Germanio;

A. Blondeaux, 20, rue Hoche, Courbevoie (Seine), Francio;

I. Kensing, Assensgade 18, Aarhus, Danlando;

Inĝ. L. Sekereŝ, Klisarski Put 38, Novi Sad, Jugoslavio.

J. Poptie.

## Svisa nacia ekspozicio en Lausanne

**30-a de aprilo — 31a de oktobro 1964**

Anoj de la loka Esperanto-Societo bonvole akceptos kaj gvidos tra la Ekspozicio, ĉiujn eksterlandajn gesamideanojn, dum la jenaj tagoj: 21-an de aŭgusto — 11-an de septembro.

Loko de rendevuo: antaŭ la enirejo de la preĝejo kiu staras interne de la Ekspozicio, apud la centra enirejo je la 10.- h. matene.

# Internaciaj kunvenoj 1964

| | |
|---|---|
| 11-14.7 | Heliomonde: Intern. Nat. Org. Esperantista. |
| 19-26.7 | Helsingör: Internaciaj feriaj kursoj. |
| 23-29.7 | Valencia: IKUE-Kongreso. |
| 24-31.7 | Narbonne: SAT-Kongreso. |
| 25.7-1.8 | Lunteren: KELI-Kongreso. |
| 1-8.8 | Hago: UEA-Kongreso. |
| 8-15.8 | Amsterdam: TEJO-Kongreso. |
| 27-28.8 | Rotterdam: Jarkunveno de FERN. Dum la 1a tago ekskurso. Informojn donas la sekretario de FERN: W. L. van Leeuwen, Stationsplein 1, Amsterdam C. |
| 5-18.9 | Zwolle: Leemkule, Internacia kunveno. |
| 17-18.10 | Solingen. GEFA jarkunveno, informojn donas. Sino: E. Kruse, Karlstr. 4 b, 6 Frankfurt (Main), 9. |

## Raporto pri la junularaj aranĝoj de la 16-a IFEF-Kongreso

En la kadro de la 14-a IFEF-Kongreso estis fondita la Junulara Komisiono de IFEF. La fervojista junularo jam atingis multajn sukcesojn. En Bruselo bonsukcesis la diversaj junularaj aranĝoj.

JUNULARESTRARA KUNVENO
9.5.1964.

Partoprenis la kunvenon 16 gejunuloj el sep landoj. D-ro I. Ferenczy, junulara gvidanto de IFEF raportis pri la farita laboro. Sukcesa agado estis en Aŭstrujo, Francujo kaj en Hungarujo. La fervojista junularo pli vigle agadas de jaro al jaro. Post la raporto la junularestroj pridiskutis la raporton. F-ino Josette VONAY informis la ĉeestantojn pri la pluaj planoj de la franca fervojista esperantista junularo. Ankaŭ en Germanujo aktiviĝos la esperantista junularo. Aliaj gejunuloj parolis pri la organizaj problemoj.
En Hungario bone funkcias la fervojista Esperanto-Klubo, en kies kadro ankaŭ la junularo ricevas eblecon por la kluba vivo.

JUNULARA FORUMO
13.5.1964.

Interesan prelegon aŭskultis la junaj kongresanoj. Prelegis: S-ro Ivo DURWAEL, reprezentanto de la Belga Esperanto-Junulara Asocio. La temo estis: „Ĉu ni, en la nuna epoko precipe devas celi plian disvastigon de Esperanto inter la junularo, aŭ ĉu ni precipe devas celi plian profundigon de Esperanto?"
La konkludo estis, ke oni devas bone kaj efike propagandi Esperanton, sed la esperantistaro devas sian Esperantolingvoscion pliperfektigi. Oni devas konigi Esperanton en la diversaj junularaj medioj.
Multaj gejunuloj alparolis post la prelego. La kutimoj kaj eblecoj estas diversaj laŭ la landoj. Tamen, la prelego donis ĝeneralan superrigardon pri la grava problemo de la Esperanto-movado. Pro la bonsukcesa Junulara Forumo meritas laŭdon S-ro Roger van HUMBECK, kiu organizis ĉiujn junularajn programojn de la 16-a IFEF-Kongreso.

JUNULARA ARTA KAJ FOLKLORA VESPERO
13.5.1964.

En la Salono Patria la kongresanoj treĝuis la altnivelan artan programon de la Jugoslava „Cvetko Branakovic" Popoldanc- kaj Kantgrupo. Interesan programon prezentis ankaŭ la belga junulara flagsvinggrupo.
La junulara dancvespero — anoncita en la Kongreslibro — ne okazis pro teknikaj malfacilaĵoj.
Dum la Laborkunsido de IFEF la Komitato de IFEF kunsentis, ke denove D-ro Imre Ferenczy estu komisiito pri la junularaj aferoj. S-ro K. G. de JONG laŭdis la junularon kaj entuziasmigis la gejunulojn al pluaj sukcesaj agadoj.

Dr. Imre Ferenczy.

## Raporto pri la redaktora kunveno

Estis sabate, la 9an de majo je la 15a horo, kiam la IFEF redaktoro malfermis la kunvenon.

Ĉar li deziris koni la landajn redaktorojn, li petis, ke post alvoko de la lando, la respektiva redaktoro sin anoncu per sia nomo. Tiel okazis.

Poste la redaktoro raportis pri la redaktado de L.I.F. kaj li dankis pro la diversaj artikoloj, kiujn sendis amikoj el nia movado.

La landaj redaktoroj estis kontentaj pri la redaktado.

Poste la ĉeestantoj longan tempon parolis pri la ekspedado de LIF laŭ la propono de la franca sekcio. La LIF-redaktoro klarigis, ke la ekspedo de ĉiu ekzemplero kostus proksimume 10 ned. cendojn, kaj krom tio la sekcioj mem devus sendi jam adresitajn banderolojn al la presisto.

La franca sekcio vigle defendis sian proponon, sed oni tamen povis rimarki, ke la aliaj sekcioj ne ŝatas tiamanieran ekspedadon.

La decidon pri la ekspedado de L.I.F. faros la komitatanoj dum la laborkunsido.

La IFEF prezidanto alparolis la redaktorojn kaj li dankis ĉiujn pro la multa laboro, kiun ili faris.

Neniu deziras ion pritrakti, ĉar la problemoj estas elĉerpitaj kaj tial la prezidanto de la kunveno fermis ĝin je la 16.15 h.

D. Burgler.

## Terminara Kunsido en Bruselo, la 9an de majo 1964

Dum la 16a IFEF-kongreso en Bruselo la kunsido de la Terminara Komitato okazis sabaton vespere kaj tamen estis jam la 6a oficiala programero. Kolektiĝis en flanka ĉambreto de la Centra Stacio 9 personoj el Francujo, Germanio, Hungario, Italio kaj Nederlando, dum el la ceteraj landoj la kunlaborantoj ankoraŭ ne estis alvenintaj.

Laŭ buŝe diskonigita tagordo la gvidanto de la T.K. raportis unue pri la stato de la terminara laboro. Li informis, ke „Esperanto-press" en Kanado decidis esperantlingve eldoni la „DUDEN-Bildvortaron", kiu ĝis nun ekzistas en eldonoj germana, angla, franca kaj hispana. El la pluraj centoj da bildtabuloj de tiu vortaro 11 koncernas la fervojon, kaj vole-nevole la T.K. devas partopreni tiun traduklaboron por eviti, ke estu publikigitaj malsamaj tradukoj pri la samaj objektoj flanke de „Esperanto-press" kaj la T.K. Kompreneble tiu nova tasko — ĝis nun 2 bildtabuloj estas pretaj kaj cirkuligitaj dum la kunsido — rezultigis stagnon por la cetera laboro, sed rifuzi la kunlaboron certe estus la pli granda malbonaĵo.

Laŭvice la landoj reprezentitaj donis informon pri la stato de la terminara laboro tiea. Okazon por vigla diskuto donis la demando, ĉu la eldono de poŝformata fervoja terminareto, instigita kaj baldaŭ realigota en Germanio, estas rekomendinda aŭ ne. Granda plimulto tamen aprobis la utilecon de tia eldonaĵo, eĉ se la proksimuma enhavo estos nur 2 mil vortoj. Ĝi certe estos paŝo antaŭen al la eldono de la kompleta terminaro surbaze de la UIC-leksikono.

Sekvis diskutado pri hazarde elektitaj fakterminoj, pri la terminara flanko de niaj fakprelegoj, kaj pri diversflankaj instigoj. Post unuhora daŭro finiĝis la kunsido, dum kiu ne estis faritaj iuj decidoj, sed montriĝis la ĉiam harmonia kunlaboro spite de oftfoje malsamaj opinioj.

Ritterspach.

## Ni ricevis

Bonaspektan libreton kun du teatraĵoj de Jean-Paul Satre „Sen eliro" kaj „La respektema P.."

Faldfolion pri Oslo la ĉefurbo de Norvegujo. Senpage ricevebla ĉe: Norvega Esperantista Ligo, Boks 942, Oslo.

Faldfolion pri Steyr en Super Aŭstrio. Ricevebla kontraŭ alsendo de unu respondkupono de Intern. Esperanto Muzeo, Hofburg, Wien I.

Faldfolion pri Nancy, Francujo. Senpage ricevebla en la lingvoj franca, germana kaj angla kune kun la esperanta teksto. Skribu en kiu lingvo vi bezonas al Turisma Servo, 9 Rue des Dominicains, Nancy (M. et M.).

Eldonejo Koko sciigis nin ke la 1-an de aŭgusto aperos nova libro pri tri fabeloj de H. C. Andersen nome „La novaj vestoj de la Imperiestro", „Hans-Fuŝulo" kaj „Estas tute certe". La libro ampleksas 48 paĝojn, 21 × 27 cm, bindita. La prezo estas 30 steloj.

Pri nia kongreso en Bruselo oni jam skribis artikolojn nederlandlingvajn en „Het Vrije Volk" (La libera Popolo), „Nieuw Utrechts Dagblad" (Nova Utrechta taggazeto), „Centrum", „Utrechts Nieuwsblad" (Utrechta Novaĵgazeto) kaj „Steeds Voorwaarts" (Ĉiam antaŭen).



*„Dopolavoro Ferroviaro" de Bologna (Italujo) donacis al la 16-a IFEF-kongreso statueton de Neptuno. Dum la tombolo la bronzan miniaturon gajnis kolego Boelmans.*

*La fontano „Neptuno" estas tre ŝatata konstruo por la bolognanoj. Ĝi estas ĉefverko de la belga skulptisto Johano de Donzi, kromnomita "Gianbologna", kaj staras en la mezo de la samnoma placo.*

## La apliko de la elektroniko ĉe la nacia societo de la Belgaj Fervojoj

*Resumo de la kongreso fakprelego*

La apliko de la elektroniko fariĝas pli kaj pli ampleksa en multaj aktivecoj industriaj kaj komercaj. Ankaŭ la Belgaj Fervojoj penas utiligi la eblecojn, kiujn prezentas la freŝdataj inventaĵoj sur la tereno de la diodoj kaj transistoroj. Limigita antaŭ 40 jaroj al la telekomunikoj, ĉi tiu scienco nun trovas aplikkampojn en la sferoj komercaj kaj administraj, en la kontregistrado kaj en la ekspluatado pure teknika de la belgaj fervojoj.
Du ekzemploj nature povas ilustri tiun evoluadon:

**a. La aŭtomata vagonklasifikado** en la trajnformada stacio RONET (apud NAMURO).
Pri la vagonklasifikado, la komutisto ricevas la informojn per teletajpilo, kiu reproduktas en klara lingvo sur folio ĉiujn utilajn donitaĵojn, kaj sammomente tratruas, tra nigra paperbanderolo, la nurajn elementojn necesajn ĝuste por la vagonklasifikado. La tratruita banderolo estas enigata en la legad-aparaton kiu formas tutaĵon kun la pupitro reganta la pintrelojn kaj la signalilojn.
La aŭtomata klasifikado estas konektita per manipulado de puŝbutono. Laŭ la pozicio de la vagonoj, la grada translokiĝo de la informoj en la ekipaĵo efektiviĝas vere de luma baraĵo proksima al la unua trakforko, kaj pere de izolitaj reloj sinsekvaj, kiujn traveturas la vagonoj descendantaj de la klasifikterĝibo.
Tiu sistemo ege fleksebla ebligas per nura manipulo de puŝbutonoj ĉian modifon en la programo kaj ĉian kombinon en la kadro de la programo, nedetruante ĝin.

**b. La traktado kaj la kontregistrado** de la transportdokumentoj rilatantaj al la ekspedoj de frajtpecoj fare de la varstacio BRUSELO T.T.
La ekspedanto starigas la transportdokumenton, kiu konsistas el mekanografia karto. Post kodigado kaj tratruado de la elementoj necesaj por la alsendo, la takskalkulo kaj la kontregistrado, la stacio pasigas la dokumenton tra diversaj maŝinoj, kiuj presigas sur ĝin, en klara lingvo, ĉiujn donitaĵojn, kaj starigas la fakturojn por la klientoj same kiel la sendaĵ-listojn.
Ĉiuj elementoj necesaj por la kontregistrado kaj la statistikoj estas aŭtomate reproduktataj tra kartoj, kiuj utilas okaze de la dektagaj aŭ monataj kontfermoj.
Tiu sistemo ebligis konsiderinde akceli la operaciojn, kiuj amasiĝas ĉe la tagfino kaj per tio kontribuis al la reguleco de la trajn-trafiko. Ĝi ankaŭ multe simpligis la kontoskribojn, dum la dokumentoj elirantaj el la maŝinoj montriĝas kun sendifekta prezentado kaj perfekta legebleco.

*ALIAJ REALIGAĴOJ* troviĝas en la lasta provstadio, aŭ baldaŭ estos aplikataj. Ni citu nome:

— la aŭtomatan registradon de la trajncirkulado sur la linioj de BRUSELO al ANTVERPENO, kaj de LIEĜO al HERBESTHALO,
— la teleregadon kaj la konstantan telekontroladon de la trak-aparatoj sur la linio-sekcio de LIEĜO al HERBESTHALO, per unu nura centra regadejo,
— la transsendon de la detalinformoj pri la konsisto de vartrajnoj per teletajpilo inter trajnformantaj stacioj por antaŭ vidi la pezon kaj la konsiston de la formotaj trajnoj same kiel la distribuon kaj utiligon de la veturmaterialo.

Tradukis: A. Blondeaux.
Franclingve verkis:
S-ro Hendrickx. Organizkonsilisto S.N.C.B.

## Fakprelego

**KUNLABORINTOJ**

*Gvidanto:*
Sro GIESSNER, Germanio.
IFEF Komitatano kaj prezidanto de GEFA por la internaciaj fervojaj fakprelegoj.

*Verkinto:*
Sro HENDRICKX, Belgio.
Organizadkonsilisto en la Ĝeneraldirekcio de la Belgaj Fervojoj.

*Tradukanto:*
Sro BLONDEAUX, Francio.
IFEF-konsilanto pri terminoj kaj fakprelegoj.

*Reviziado:*

Sro Inĝ. BROISE, Francio.
Verkinto de la UEA Terminaro pri Pontoj kaj Ŝoseoj.

*Lumbildoj:*

Sro RODET, Belgio.
Prezidanto de „Photorail"
Fotokonsilanto de FISAIC, Bruselo.

*Prelegonto:*

Sro DE BRUYNE, Belgio.
IFEF-komitatano kaj Ĝenerala Sekretario de BEFA.

**ANTAŬPAROLO**

Jam estas kutimo kaj tradicio, ke dum niaj IFEF-kongresoj okazas prelegoj pri fakaj temoj.

Tiel ni plej evidente pruvas, ke tiaj internaciaj renkontiĝoj ne nur estas amuzigaj aranĝoj. Male, ni serioze klopodas, laŭ taŭga maniero enkonduki la Internacian Lingvon en nian fakan sferon.

La fervojaj medioj kaj ties multflankaj faklingvoj estas nur unu kolono apud multnombraj aliaj, kiel ekz. la medicina, sporta, astronomia, ktp.

Nia devo estas, evoluigi tiun nian branĉon de la ĉiuspecaj faklingvoj al pli kaj pli kompleta formo, al pli kaj pli taŭga lingva instrumento.

Jen prezentiĝas nova prelego en la vico de similaj, survoje al la fina celo „ESPERANTO EN ĈIUJ FERVOJAJ MEDIOJ".

Giessner

**LA APLIKO DE LA ELEKTRONIKO ĈE LA NACIA SOCIETO DE LA BELGAJ FERVOJOJ**

Kvankam la apliko de la elektroniko estas relative freŝdata, ni konstatas ke ĝi disvastiĝas sufiĉe rapide ĉar oni renkontas ĝin en konsiderinda nombro da branĉoj de la industria kaj komerca aktivecoj.

Ne estos de mirinde trovi pri ĝi aplikojn senĉese pli multajn en la ekspluatado kaj administrado de la fervojoj.

Ĉe la komenco de sia evoluo, kiun ni povas loki tuj post la unua mondmilito, la elektroniko trovis sian utiligon ĉe la Belgaj Fervojoj nur en la tekniko de la telekomunikoj. La disvolviĝo de la tekniko ebligis mekanikigi iujn signalaranĝojn kaj poste aŭtomatigi ilin.

Tiam fariĝis eble interklinki la itinerojn en la signalilejoj, realigi la aŭtomatan signalblokon kaj aŭtomatigi la regadon de la pintreloj okaze de la dispartiĝo de la vartrajnoj en la stacioj de trajnformado kaj de vagon-klasifikado.

La elektroniko prezentas rimarkindajn solvojn, precipe kiam temas pri transsendo de informoj. Ni citu ĉi tie projekton, jam parte plenumitan, kiu celas la transsendon de ĉiuj elementoj de la konsisto de la vartrajnoj inter la koncernaj stacioj de trajnformado. Tio ebligas al la adresatstacioj fari jam antaŭ la alveno de la trajnoj ĉiujn necesajn klopodojn por prepari la dispartigon de tiuj trajnoj kaj eĉ precize antaŭvidi la ŝarĝon(pezon) kaj la konsiston de la trajnoj formotaj post pluraj horoj. Oni facile imagas la gravecon, kiun prezentas ĉi tiu ebleco koncerne la utiligadon de la lokomotivoj kaj vagonoj.

Tamen la apliko de la elektroniko ĉe la Belgaj Fervojoj ne estas limigita je la pure teknika ekspluatado. Sur la kampoj administra, komerca kaj kontregistra, ĝi jam ebligis realigaĵojn tiom mirigajn kiom interesajn.

Oni utiligas ĝin por la administrado de la materialoj kaj de la ekipoj (veturiletoj, iloj, k.t.p.), kaj oni projektas la centralizadon de la kalkulo de la transportkostoj el ĉiuj varstacioj de la reto. La plenumado de ĉi tiu lasta laboro ebligos ege simpligi la kontregistradon "varoj", dum la bazelementoj ebligos eltiri el ili altvalorajn spertojn, koncerne la prospektadon en la transportmerkato, la mondonecon de la tarifoj, la utiligon de la vagonoj kaj la trafikon de la trajnoj.

**La klasifikstacio Ronet**

Nun ni konsideru iom pli detale unu realigaĵon, kiu rilatas al la teknika ekspluatado, kaj nome al la aŭtomata vagonklasifikado en la stacio RONET.

Por montri la situon kaj difini ĉi tiun stacion de trajnformado, ni diru ke ĝi situas en la proksimeco de Namuro, sur la linio, kiu kunligas la landlimajn staciojn Jeŭmonto (al Francio) kaj Herbestalo (al Germanio). Ĝi vastiĝas sur trikilometra distanco laŭ la bordo de la rivero Sambro kaj ĉiutage klasifikas kvindekon da trajnoj kaj formadas la saman nombron. Krom ĉi tiu trafiko, ĝi ricevas kaj ekspedas kvindekon da trajnoj, kies lokomotivoj devas esti interŝanĝataj.

**Instalaĵoj de la vagonklasifikejo:**

Pro la ĉeestantaj nefakuloj ni diru ke la klasifikado konsistas el la dispartigo de trajno laŭ la adresat-stacioj de ties vagonoj. Tia manovro kutime okazas per puŝado de la vagonoj sur terĝibon, kie ili estas malkuplitaj antaŭ ol atingi la supron. De tie, la vagonoj malsupreniras al la trakoj al ili asignitaj laŭ la adresatstacioj ĉiuminute 10 ĝis 15 vagonoj, laŭ la amplekso de la vagongrupoj. Survoje ili renkontas trakbremsojn, kiuj reguligas ilian rapidecon laŭ la cetera distanco traveturota.

La alvenantaj trajnoj estas ricevataj sur trakaro nomita ricevtrakaro, la unuopaj vagonoj aŭ vagongrupoj poste estas direktataj al tielnomata klasifiktraktaro. La regado de la pintreloj antaŭ la klasifiktrakaro en pasinta tempo okazis helpe de stangaroj kaj kontraŭpezoj, grupigitaj aŭ ne. Poste oni konis la klasifik-regadejojn, en kiuj la regado estis centralizita sur nur unu framo, dum la trakaparatojn funkciigis elektromotoroj, kiujn regis komutisto helpe de etaj levieroj. Li krome povis kontroli la iradon de la vagonoj per lumaj strekoj aperantaj sur la frampanelo laŭ la diversaj itineroj de la klasifikejo.

Preskaŭ de la sama epoko jam datumas la unuaj instalaĵoj de la aŭtomata komutado de iuj pintreloj, nome la unue renkontitaj pintreloj antaŭ la klasifiktrakaro, t.e. do tiuj, kiuj estis plejofte traveturitaj de la vagonoj descendantaj de la klasifik-terĝibo. Ĉi tiu aŭtomateco necesigis la registradon de la celtrako por la diversaj vagongrupoj de la trajno dispartigota. Tamen, ĉi tiu sistemo, kvankam malpeziganta la laboron de la komutisto, prezentis dum la klasifikado nenian flekseblecon koncerne la modifojn de la starigita kaj registrita programo. Pro tiu fakto, la kur-atingo de unu vagongrupo per la sekvanta sufiĉis por ruinigi la tutan programon. La klasifikado tiam devis esti haltigata kaj tute nova programo registrota.

La progreso de la tekniko kaj precipe la apliko de la elektroniko kondukis al la konstruado kaj al evoluigo de instalaĵo sen ĉi tiuj maloportunaĵoj.

De tie ni iru al la instalaĵo de Ronet, kaj imagu du senelirajn trakojn, kiuj trans terĝibon direktiĝas al la klasifiktrakaro 35traka. La ekstera instalaĵo konsistas el 34 trakforkoj el izolitaj reloj kaj luma baraĵo (fotoelektra ĉelo) situanta proksime al la trakforko unue renkontata de la vagonoj. La endoma instalaĵo konsistas el relajsoĉambro, unu riceva teletajpilo konektita kun tratruilo de telegrafaj banderoloj, unu aparato por la legado de la banderoloj, unu regadpupitro, unu ŝranko entenanta la ŝlosilojn por la izolitaj reloj kaj la ŝlosilojn por senmovigi la pintrelojn kaj unu ŝranko, en kiu troviĝas la fandogardiloj por la pintrelmotoroj.

La relajsoĉambro entenas ĉiujn relajsojn kaj akcesoraĵojn necesajn por la bona funkciado de la instalaĵo.

La ricev-teletajpilo kaj la tratruilo por telegrafaj banderoloj kuŝas sur tablo en la proksimeco de la regadpupitro. Ili estas konektitaj kun alia teletajpilo kiel sendilo, situanta je 800 metra distanco en la transportdokumenta oficejo. La informoj transsenditaj de tie ĉefe entenas por ĉiu vagongrupo klasifikota: la numeron de la vagongrupo, la numeron de la celtrako en la klasifiktrakaro, la nombron de la vagonoj, kiuj konsistigas la vagongrupon, la numeron de la unua vagono de la vagongrupo kaj eventuale iujn neĉefajn datojn, kiuj koncernas la specon de la vagono aŭ de la kargo. Dum la surpaĝa tajpado de ĉi tiuj informoj sammomente estas tratruitaj tra nigra paperbanderolo: la numero de la vagongrupo kaj tiu de la celtrako. La fino de la sendado estas karakterizita per tintado de sonorileto: la komutisto tiam eltiras el la teletajpilo la klasifikliston kaj la tratruitan banderolon.

La regadpupitro, konsistas el unu ebeno vertikala kaj unu ebeno iomete dekliva. La vertikala ebeno entenas elektronan registrilon, komputilon nomitan „progresio" por la vagongrupoj kaj kromregistrilon.

La dekliva ebeno entenas luman panelon kun la skemo de la trakoj, puŝbutonojn helpe de kiuj la komutisto povos interveni, kontrolajn lumindikilojn kaj mezurilojn.

La elektrona registrilo konsistas el 6 lukoj, nomitaj „niveloj", kaj numeritaj de dekstre, de 1 ĝis 6. Ili estas destinitaj por ricevi la numeron de la celtrako de ĉiu el la 6 unuaj vagongrupoj, kiuj malsupreniros de la terĝibo. Kiam la vagongrupo interrompas la lumbaraĵon situantan proksime al la unua trakforko, la indiko de la unua luko, transsendita al la regadorganoj, malaperas kaj ebligas la alvenon de la indiko troviĝanta en la dua luko al la unua. La indikoj de la dua ĝis la sesa luko tiel antaŭiĝas je unu nivelo, la 6a (lasta) luko liberiĝas, kaj sekvanta indiko (la 7a), troviĝanta sur la banderolo, aliras al la lasta luko.

La komputilo nomita „progresio" ĉiam montras la nombron de vagongrupoj, kiuj okupis kaj liberigis la izolitan relon de la unua trakforko.

La kromregistrilo konsistas el du lukoj, kies la maldekstra estas destinita por ricevi la numeron de la vagongrupo, kaj la dekstra la numeron de la celtrako de la vagongrupo, kiun oni volas inkludi en la programon registritan sur la tratruita banderolo.

**Funkciado de la vagonklasifikado:**

La aŭtomateco estas bazita sur la subdivido en izolitaj reloj de la tuta trakforkaro antaŭ la klasifiktrakaro. Ekzistas du specoj da izolitaj reloj:

a. intertrakforkaj reloj izolitaj, kiuj transsendas al la lumpanelo la precizan pozicion de la vagonoj dum ilia disveturado;

b. la izolitaj reloj de la trakforkoj mem kiuj ludas la saman rolon, sed kiuj krome malhelpas la komutadon de la pintrelaroj kiam ĝi estas traveturata de vagono.

Post en-meto de la tratruita banderolo en la legadaparaton, post ekster-meto de la itineroj neakordigeblaj kun la aŭtomataj klasifikmanovroj kaj post la taŭga poziciigo de la pintreloj laŭfroge aliritaj, la aŭtomata klasifikado estas konektata per puŝado de unu el la tri puŝbutonoj markitaj „aŭtom" kaj tiucele antaŭviditaj:

— aŭtom 1-16 nur por al trakoj numeroj 1 ĝis 16.

— aŭtom 17-32 nur por la trakoj numeroj 17 ĝis 32.

— aŭtom 1-32 por ĉiuj trakoj.

Pro la premado kontraŭ la puŝbutonoj la pintreloj jam moviĝis en la pozicion deziratan por la unua vagongrupo. Por ĉiuj aliaj vagongrupoj troviĝantaj en la programo, la transsendo de la regadordonoj okazas aŭtomate en la momento de la liberigo de la izolitaj reloj fare de la antaŭe veturanta vagongrupo.

La sistemo prezentas la grandan avantaĝon esti fleksebla ĝis tia grado, ke ĝi ebligas dum la klasifik-laboro ĉiujn specojn da kombinoj kaj modifoj en la kadro de la programo troviĝanta en la banderolo.

Tio okazas tiel:

— Kiam longa vagono (distanco inter du radaksoj supera al la longeco de la izolitaj reloj — do ĉi tiu vagono dufoje okupas la izolitan relon) alproksimiĝas al la klasifik-terĝibo, kaj kiam ĝi traveturas la specialan relon izolitan, ruĝa lampo eklumiĝas kaj sonorilo tintadas por averti la komutiston, ke li apliku la dispozicion antaŭviditan en tiu kazo.

— Kroma vagongrupo povas esti enmetata per simpla manipulado de klavaro, sur kiu estas registrita la ordnumero asignita al la koncerna vagongrupo kaj la numero de la celtrako. Analoga agado ebligas korekti unu vagongrupon troviĝantan en la programo.

— Vagongrupo povas esti aldonita antaŭe de la unua vagongrupo troviĝanta sur la tratruita banderolo, per preskaŭ analoga interveno.

— Indiko jam videbla en la ĝenerala registrilo povas esti nuligata per manipulado de du puŝbutonoj. Se la indiko ankoraŭ ne estas videbla, ĝi devas esti reproduktata en la kromregistrilo por tie esti nuligata per manipulado de du puŝbutonoj.

— Vagongrupo povas esti neŭtraligata per manipulado de unu puŝbutono, antaŭ ol la antaŭa vagongrupo trapasas la unuan izolitan relon. Tio necesas, kiam vagongrupo estas malkuplita en du fojoj, aŭ pro eraro aŭ pro neantaŭvidita manovro.

— Oni povas kompensi la kur-atingon de unu vagongrupo per la sekvanta (du vagongrupoj tiam sammomente troviĝas sur unu izolita relo) per manipulado de puŝbutono, se la kur-atingo okazas sur la unua izolita relo. Se ĝi okazas sur unu el la sekvantaj izolitaj reloj, la malbono estas aŭtomate kompensita. En la du kazoj, nur unu el la du vagongrupoj estas misklasifikita.

— Vagongrupo, kiun lokomotivo devas konduki ĝis ĝia celtrako, povas veturi ĝis tie post manipulado de la puŝbutono, kiu ebligas la interrompon de la aŭtomata pintrelar-komutado.

Kiam la manovro estas finita, tiam premo kontraŭ ĉi tiu butono restarigas la aŭtomatecon, kaj la vagonklasifikado normale povas esti daŭrigata.

Por transiri de la aŭtomata klasifikado al la individua komutado de la pintreloj, sufiĉas puŝi la butonon markitan „indiv", respondantan al la butono „aŭtom", kiu estis manipulita.

Tre simplaj instrukcioj estas donitaj por alfronti la kazojn de perturbado en la legadaranĝoj de la banderoloj, en la fotoelektraj ĉeloj, en la izolitaj reloj kaj en la komutado de la pintreloj.

**La varstacio Bruselo T.T.**

Alia ekzemplo por la apliko de la elektroniko, situanta ĉifoje sur la kampo de la servo pri transportdokumentoj kaj de la kontregistrado, estas realigita en la varstacio Bruselo T.T.
Ĉi tiu stacio estas la sidejo en la strattransporta centro de Bruselo, kaj pro tio ĝi centralizas preskaŭ la tutan trafikon de la frajtpecoj el la industria kaj komerca komplekso de Bruselo kaj ties ĉirkaŭaĵo.
La nombro da ekspedaĵoj ĉiutage estas ĉirkaŭ 8000 je la alveno kaj 13000 je la ekspedo. Tiuj ĉi ciferoj reprezentas respektive 16500 kaj 27500 frajtpecojn. Proksimume 150 kamionoj plenumas la ĝishejman liveradon de la frajtpecoj je la alveno kaj la ĉehejman kolektadon je la ekspedo. La plej granda parto el ĉi tiuj lastaj estas destinataj al la 42 strattrafikaj centroj, kiuj konsistigas la reton, se ili estas liverataj ĝishejme, aŭ al unu el la 600 varstacioj, se ili estas adresitaj al la staciaj vartenejoj.
La servo por la ĉehejma kolektado de la frajtpecoj estas organizita kun la celo, laŭeble kontentigi la dezirojn de la klientoj, el kio sekvas ke la alveno de la kamionoj praktike okazas en la intervalo inter la 16a kaj la 18a horoj. La horaroj de la trajnoj, kiuj kunligas la strattrafikajn centrojn, estas grafikitaj tiamaniere, ke frajtpeco hejme kolektita tagon A, estas liverata al la adresato tagon B. Tio premisas, ke la trajnoj devas forveturi de la stacio Bruselo T.T. inter la 22a kaj la 24a horoj.
La intervalo limigita inter la alveno de la kamionoj kaj la foriro de la trajnoj apenaŭ sufiĉas, por trakti la transportdokumentojn, kontroli kaj etikedi la frajtpecojn kaj ilin ŝarĝi en la 260 forirontajn vagonojn. Kiam okazis trafikŝvelo, ne estis malofte, ke la frajtpecoj, cetere tro rapide ŝarĝitaj, forlasis la stacion sen transportdokumentoj. Ĉi tiu praktiko, trudita de la nepra devigo obei la trajnhorarojn, havis ĝenajn konsekvencojn tra la tuta reto pro la granda nombro da neregulaĵoj.
Estis tiam, ke la mekanigrafia ekipaĵo estas instalita, por ebligi pli rapidan traktadon de la transportdokumentoj, disponi pri pli da tempo por laŭadrese ŝarĝi la frajtpecon, kaj samtempe oferti pli bonan servon al la klientaro.
La mekanikigita parto de la laboro koncernas la sendadon de la kolektitaj frajtpecoj destinitaj al la interno de la lando.
En la traktado de la transportdokumentoj oni povas konsideri la jenajn operaciojn:

— la difinon de la geografia klasifiko, t.e. koda indiko kun 1 ĝis 3 ciferoj de la strattrafika adresatcentro;

— la kalkulon de la transporttakso kaj de la kromaj spezoj;

— la imputadon de la taksoj kaj spezoj al la kuranta konto de la kliento aŭ la tujan fakturadon, se la kliento ne havas tian konton;

— la starigon de la kargolisto por ĉiu ekspedota vagono.

**Sinsekvo de la operacioj:**

a. La kliento manskribe aŭ maŝinskribe starigas la transportdokumentojn sur la mekanografia karto, konsistanta el 3 partoj kun entute 80 kolumnoj:

— unua parto kol. ĝis 37,
— dua parto kol. 38 ĝis 53,
— tria parto kol. 54 ĝis 80.

La indikoj sur ili estas skribitaj en klara lingvo. La kartoj estas je la dispono de la klientaro post tratruado kaj indikado (en klara lingvo) de la ekspednumero kaj eventuale de la numero de la kuranta konto. Ekzistas kartoj el 3 malsamaj koloroj, laŭ la aplikota tarifo (ekspres-, rapid-, aŭ poŝtfrajtpecoj).

b. Ĉe la alveno en la stacio, la kamionisto transdonas la kartojn al la mekanografia servo.

c. Permana registrado de la koda numero de la adresat-loko kaj de la transportkoda numero (afrankite, neafrankite, ĝishejma livero, stacia vartenejo).

d. Tratruado de ĉi tiuj elementoj en la kartoj.

e. Kontrolo de la truoj kaj kreado de blindkartoj kun ekzaktaj truoj, utiligeblaj en kazo de eraro.

f. Trapaso de la kartoj tra la elektrona cerbmaŝino por determini kaj tratrui la indikojn pri la geografia klasifiko, la transporttakso kaj la kromaj spezoj.

g. Trapaso de la karto tra la interpretmaŝino por klarlingva presado, de la ĉisupre cititaj elementoj el la supera parto de la karto kaj ankaŭ de la sumo, eventuale enkasigota ĉe la liverado.

h. Fotokopiado de la kartoj per mikrofilmo kio ebligas konservi, sub reduktita volumeno, kopion de ĉiuj kartoj. En kazo de kontestado aŭ perdo la necesaj elementoj povas esti facile retroveblaj.

i. Eltondo de la dekstra parto de la karto (kolonoj 54 ĝis 80a), por transdoni ĝin

al la personaro komisiita pri la kontrolado de la frajtpecoj sur la kajo. Post la kontrolado, ĉi tiuj kartpartoj estas klasifikataj kaj en la sekvanta tago donataj al la ekspedinto kiel sendkvitanco. La mekanografia laboro plu daŭras helpe de la 2 aliaj partoj de la karto.

k. Starigo de la ekspedaĵlisto kun la indiko de la taksoj kaj kromaj elspezoj per tabeligmaŝino por ĉiu ekspedinto. Suma karto estas kreata por ĉiu ekspedinto kun la celo, imputi la tuton de ties kuranta konto, el kiu eltiraĵo ĉiun dekan tagon estas sendata al la kliento.

l. Klasifikado de la kartoj laŭ la forirontaj vagonoj kaj laŭ la pagmaniero: afrankita aŭ ne.

m. Starigo de listo por ĉiu vagono pri la sendaĵoj afrankitaj kaj neafrankitaj. Ĉi tiuj listoj estas sendataj al la adresatstacioj kune kun la kartoj.

n. Apliko de la ruĝa stampo „afrankite" sur la kartoj koncernantaj la ekspedaĵojn, kies transportkosto estas pagita ĉe la ekspedo.

o. Ĉe la alveno en la adresatloko, la maldekstra parto de la karto (kolumnoj unua ĝis 37a) estas donata al la adresito, dum la restanta parto de la dokumento (kolumnoj 38 ĝis 53a) estas konservata de la adresatstacio.

La avantaĝoj de ĉi tiu mekanikigita sistemo resumiĝas jene:

a. pli rapida traktado de la dokumentoj;

b. eliminado de eraroj en la kalkulo de la takso;

c. simpligo de la kontregistrado ĉe la sendado, ĉe la alveno, kaj dum la kontrolado de la enspezoj;

d. havigo al la ekspedintoj de dokumentoj seneraraj kaj en pli bona prezentado;

e. ebleco starigi senerarajn statistikojn.

Estas tiamaniere, ke la apliko de la elektroniko por la komunikado de la informoj ebligis plibonigi la rendimenton kaj pliigi la sekurecon. Pri tio ni citu la aŭtomatan registradon de la trajncirkulado sur la linioj de Bruselo al Antverpeno kaj de Lieĝo al Herbestalo, la teleregadon kaj la konstantan telekontroladon de la trakaparatoj per unu nura centra regadejo sur la ĉirkaŭ kvardekkilometra linisekcio inter Lieĝo kaj Herbestalo.

**Tiaj elektronikaj instalaĵoj ankoraŭ estas malofte uzataj flanke de la Eŭropaj fervojoj, sed estonte ili certe fariĝos multnombraj.**

**Glosaro**

akcesorajo = neĉefa objekto.
Asigni = destini(trakon).
Descendi = malsupreniri.
Fandogardilo = gardilo de elektra cirkvito.
Framo = regad-tablo.
Frogo = trakparto, kie kruciĝas du reloj (laŭfroge = vagono rulas ne de la pinto de la pintrelo, sed inverse).
Interklinki = reciproke ŝlosi.
Itinero = sinsekvo de trajnveturaj sekcioj (raŭto).
Komputilo = mezurilo, nombrilo.
Komutisto = tiu kiu manipulas la pintrelojn de la trakforkoj.
Leviero = levilo levumilo.
Mekanografio = arto, uzi oficejajn skribkalkul-maŝinojn.
Regadejo = loko, kie deĵoras la komutisto.
Rendimento = produktiveco, produktkvanto.
Terĝibo = monteto nur kelkajn metrojn alta.

**Landaj asocioj, redaktoroj, komitatanoj!**

Nepre bonvolu sendi al kolego Giessner ekzempleron de ĉiu revuo, bulteno gazeto k.t.p. en ĉiu ajn lingvo, kie estos publikigata la prelegteksto aŭ la resumo aŭ traduko aŭ kie ĝi eĉ nur estas menciita. Minimume sciigu tion pre simpla poŝtkarto. Tre grave!

## Nekrologo

Vespere la 16an de majo, ĵus reveninte hejmen de la kongreso en Bruselo, mortis nia alte taksata membro kaj vere fidela esperantisto OLOF OHLSSON, el Ystad. Ĉe lia morto li estis 68-jara.

Por la familio, nia sekcio kaj la sveda esperanta movado estas lia forpaso grava perdo.

Li estis membro en la sveda sekcio de ĝia fondiĝo. Kune kun nia sveda fervojista esperantopioniro Ernst Eriksson li internacie estis konata de antaŭ multaj jaroj. Lia vivo kaj lia konstanta laboro por niaj ideoj devas instigi nin al imito. Ni kondolencas la familion kaj sincere kunsentas en la funebro. Li ripozu en paco!

Por la estraro de S.F.E.F.
Folke Pettersson, sekr.

Kiam ni ricevis la sciigon, ke nia amiko Ohlson mortis, ni konsterniĝis, ĉar ni ja nur kelkajn tagojn antaŭe ĝuis lian amikecon dum nia 16-a en Bruselo.

Li do nun ne plu estas. Ni sincere kondolencas lian familion kaj la svedan sekcion S.F.E.F. Li restos en nia memoro.

I.F.E.F. Estraro

## Pri la junulara laboro de la Fervojista Fako de HEA

**(Hungario)**

Laŭ la statistiko la Fervojista Fako de HEA havas 312 tiajn membrojn, kiuj naskiĝis inter la jaroj 1930 kaj 1942. Inter ili multaj agadas en la junulara movado. La plej aktivaj gejunuloj estas en la diversaj lernejaj institutoj de la fervojo. Precipe menciinda la aktiveco de la junaj esperantistoj en urbo Szeged, kie en la lasta jaro 16 gejunuloj lernis Esperanton. Komence de la nova lerneja jaro 1963/'64 46 gejunuloj komencis lerni la Internacian Lingvon.
Sukcese laboras la gejunuloj ankaŭ en Szeged. Jam okazis kelkaj klubvesperoj, pri kiuj faris mencion ankaŭ la loka gazetaro. Oni komencis kurson en la Eduk-instituto de Kaposvár.
La plej vigla vivo estas en Budapest, en la klubejo de la fervojistaj esperantistoj. La gvidanto de la programoj estas Jozefo Szabó kaj s-ano J. Cziboly. La lasta ĵaŭdo de la monatoj apartenas al la junularo. Dum la junularaj vesperoj mem la junularo donas la programon. (Prelegoj, lingvaj kursoj, dancado.)
La diversaj gazetoj, kiel HUNGARA FERVOJISTA MONDO, LA INTERNACIA FERVOJISTO (organo de I.F.E.F.) kaj la hungarlingva MAGYAR VASUTAS (Organo de la Fervojista Sindikato) jam publikis plurajn artikolojn pri la aktiveco de la fervojista esperantista junularo.
La gvidanto de la junularo raportis ankaŭ dum la lastjara I.F.E.F. Kongreso pri la rezultoj de hungara fervojista junularo. Estis reprezentado ankaŭ en Vraca okaze de la TEJO-Kongreso.

d-ro Imre Ferenczy,
junulara gvidanto
de la Fervojista Fako kaj de IFEF.

## 3-landa renkontiĝo aŭstra-germana-svisa

Okazos la 3-an kaj 4-an de oktobro 1964 en al pitoreska insulurbo Lindaŭ en la Bodensee.
Varia programo: Amuza Vespero, Urbgvidado, Ekskursoj, Ŝipveturado.
Prelego pri interesa temo, Komuna Diservo protestanta/katolika.
La lastjara samsenca renkontiĝo, cetere la unua tia, kunigis 100 partoprenintojn.
La organizantoj klopodas same sukcesigi la kongreseton kaj invitas al grandnombra partopreno.
Programo kun aliĝilo je dispono ek de aŭgusto ĉe: O. Walder, Waldmannstr. 10, Romanshorn, Svislando; A. Stamm, Feldgraben 26, Dornbirn, Aŭstrujo.

## LISTO de la komitatanoj

| | |
|---|---|
| *Aŭstrio:* | Karl Vavra, St. Margarethensiedlung 43, Knittelfeld. |
| | Ing. Wilhelm Hermann, Zehetbauerg 4/6/III/10, Wien XI. |
| *Belgio:* | De Bruyne, Leo, Goudkasteellaan 26, Huizingen. |
| *Bulgario:* | Mankas. |
| *Britio:* | H. Barks, 25 Mars Street, Smallthorne, Stoke-on-Trent. |
| *Danlando:* | Ing. Kensing, Assensgade 18, Arhus-C. |
| *Finnlando:* | N. G. Narvala, Untamontie 8 A 8, Helsinki. |
| *Francio:* | F-ino Germaine Lemonnier, 17, Rue Emile Agier, Asnieres (Seine). |
| | Robert Coyac 7, Rue Hoche, Sartrouville (Sne & Oise). |
| *Germanio:* | Joachim Giessner, Bahnhof, 321 Elze (Han). |
| | S-ino Elfriede Kruse, Schweizerstr. 104, Frankf. a./M. |
| | Willi Barnickel, Tirolerstr. 2, Frankfurt a./M. |
| | Gernot Ritterspach, Oberdorfstr. 6901, Bammental. |
| *Hispanio:* | Tomaz Ortiz Garcia, Grupo Esperanto, Alar del Rey, (Palencia). |
| *Hungario:* | Stefano Bácskai, Arpád F.u. 28/A, Budapest XVII Rákoshegy. |
| *Italio:* | Germano Gimelli, Via Donato Creti 61, Bologna. |
| *Jugoslavio:* | Sredič Gvozden, Poŝtfako 563, Beograd. |
| *Nederlando:* | J. J. Labordus ,Kenaustraat 26, Utrecht (ĉefkomitano). |
| *Norvegio:* | Per. Johan Krogstie, Löten. |
| *Pollando:* | Erazm Nawrowski, ul. Hetmanka 20, Gdynia. |
| *Svedio:* | Rune Palmgren, Persikogatan 32 III, Vällingby. |
| *Svisio:* | Kurt Greutert, via Lugano, Giubiasco (Ti) |
| *Aŭstralio:* | Mankas. |